**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya Escayola
Balmes, 38. Tel. (93) 7881839
08225 TERRASSA (BARCELONA)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

ENHAVO

La kovrilo: "Universidad de Extremadura", Kurso n-ro 8 de Esperanto en Badajoz



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2º 4º
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35, 4º
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3º P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
Julio Herrero
Nontecorto 9, 3º 16ª
29014 MALAGA

# INVITO AL LA 48a KONGRESO

Pli ol 200 esperantistoj estas aliĝintaj al la tutlanda Esperanta Kongreso en Valencio, kiam aperas tiu ĉi bulteno. Sed mi ne skribas por ili, sed por tiuj esperantistoj, kiuj ankoraŭ dubas, aŭ ne decidis pri la ĉeesto. Eble en iu ajn momento staris antaŭ vi la demando. Ĉu kongresoj estas utilaj al la Esperanto-Movado? Ĉu Kongreso estos utila al mi? Ĉu en kongreso mi povos realigi tion, kion Esperanto signifas por mi?

Certe, multajn kaj diversajn demandojn ĉiu el la esperantistoj, kiuj ne ĉeestas la kongreson povas mem fari, sed sendube la lasta demando "KION ESPERANTO SIGNIFAS POR MI?" resumas ĉiujn dubojn.

Kiam multfoje mi demandas al la gelernantoj "Kial vi studas Esperanton", ili ne scias respondi adekvate kaj ripetas tion, kion diras niaj sloganoj: La plej facila lingvo. La dua lingvo por ĉiuj. La neŭtrala lingvo por internaciaj kongresoj kaj por internacia kunlaborado. Ponto de internacia amikeco.

Al vi veteranaj esperantistoj la demando estus: "KION ESPERANTO SIGNIFAS POR VI?". Kaj sendube se vi respondos, alvenos al la oficejo de HEF, centoj da diversaj kaj malsamaj signifoj, ĉar Esperanto enhavas en si mem, tiom da eblecoj, tiom da ideoj, tiom da esperoj, tiom da deziroj, ke en ĝi, vi trovos vian idearon.

Kaj tiu diverseco da signifoj montras la urĝan, necesan kaj utilan partoprenon vian en la tutlamda kongreso, ĉar en ĝi, vi povos kontakti kun centoj da novaj Esperanto-signifoj kaj samtempe vi povos diskonigi vian propran Esperanto-signifon, kiu certe estos tiel valora kiel la aliaj, kaj kune kun la samcelanoj plu porti antaŭen la torĉon. Estu realecaj, rompu vian izolecon partoprenante en la konstruado de la plej grava revolucio kultura de la 20a JARCENTO.

KE ESPERANTO ESTU LA UNUA MONDLINGVO POR LA HOMARO.

Ni estas certaj, ke la granda riĉeco de la Esperanto-movado konsistas el la diversaj kaj malsamaj kulturoj kiuj kontaktiĝas, kaj se ni plene deziras la triunfon de Esperanto, ankaŭ ni plene partoprenu en la plej grava evento de Esperanto, nome la 45a Hispana Kongreso.

**Salvador Aragay**

**DEZIRAS KORESPONDI**

Rogan Radostaco, 22-jara, pri lingvoj, literaturo, muziko, turismo kaj sporto. – ul. Stefana Batovego 7/1 KATOWICE, Polska (Pollando).

## RAPORTO DE HISPANA ESPERANTO – FEDERACIO
**Periodo de la 1a de Aprilo de 1987 ĝia la 30a de Junio 1988**

Tiu ĉi raporto celas informi pri la agado de HEF kaj ties aliĝintaj E-Asocioj kaj membraro tra la periodo ekde la pasinta kongreso en Madrido.

**"BOLETIN".** La oficiala organo de nia Federacio estas presata en "Gràfiques El Tinell" en Barcelono; kaj laŭ decido en la pasinta ĝenerala kunveno oni eldonas 6 numerojn jare. Gvidas la redakcion s-ro Giordano Moya kaj kunlaboras kun li la Komitata Redakcio, konsistanta: Vicente Hernández, Gabriel Mora Arana, Andrés Martín, Luis Serrano, Miguel Gutiérrez kaj Antonio Marco. Ne regule, kunlaboras pli da 20 esperantistoj kaj elstaraj samideanoj de la internacia Esperanto-agado.

**ALIĜINTAJ ASOCIOJ.** Paŝon post paŝo fondiĝas novaj Esperanto-Asocioj, kiuj aliĝas al nia Federacio. Nun entute estas 50 E-grupoj kaj E-Asocioj kiuj kunlaboras kun HEF. La lastaj aliĝoj estas: Alava Esperanto-Asocio, Junulara Esperantista Kataluna Asocio, Hispana Asocio de Laboristaj Esperantistoj, I.L.E.I., kaj Centro Cultural Almuzafes. Danke al tio, HEF jam superis la nombron de 1050 asociaj membroj, kio permesis al ni proponi al UEA du Komitatanojn.

**KONGRESOJ.** En la periodo de tiu ĉi raporto okazis la jenaj eventoj: 47a Hispana Kongreso de Esperanto, 11a HEJS–Kunveno en Madrido kaj la 12a HEJS –Tendaro en Monistrol de Montserrat.

5a Andaluzia Esperanto–Kongreso en Torokso.

23a Kataluna Esperanto – Kongreso en Barcelono.

15a Valencia Renkontiĝo.

Ni deziras reliefigi la 47an Kongresoj, ĉar sendube ĝi estis la evento plej grava el la pasinta jaro, ne nur pro la kvanto da kongresanoj, pli da 340, sed ankaŭ pro la fruktodonaj sukcesoj, kiel la akcepto de nia Reĝa Moŝto Juan Carlos esti la prezidanto de la Honora Komitato, kaj la partopreno de elstaraj esperantistoj William Auld kaj S. Milojević, Ĝenerala Direktoro de UEA.

Estas menciindaj: la prezentado de 11 novaj Esperanto-verkoj, unu el ili subvenciita de la Unesko-Komisiono el Hispanio kaj alia subvenciita de la Hispana Minesterio de Kulturo. Plie la Hispana Turisma Departamento eldonis grandan afiŝon pri la 47a Kongreso kaj du belegajn turismajn broŝurojn en Esperanto: "Hispanio" kaj "Madrido". La disdonado nome de Madrida Esperanto-Liceo al ĉiu kongresano de la verko "Sanga Nupto kaj la Domo de Bernarda Alba" kaj la tre efika laborado de la L.K.K., kiu transdonis al la Federacio kiel favoran saldon de la Kongreso ĉekon da 72.133 pesetoj, kaj librojn kaj E-materialon, kiuj valoras, pli mal pli, 89.900 pesetojn.

**ALIAJ OKAZAĴOJ.** La decido de UEA okazigi en 1992 Universalan Kongreson en Valencio. La organizado de diversaj aviadilaj karavanoj al la 72a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio (ĉeestis pli da 80 samideanoj). La ĉeesto al la 43a I.J.K. de TEJO en Krakovo (ĉeestis pli da 20 samideanoj).

**JUNULARA SEKCIO – HEJS**

Prezidanto: Alberto Franco.

**Federaciiĝintaj asocioj**

Por Andaluzio, Andaluza Esperanto-Junularo (AEJ)
Por Aragono, Junulara Esperantista Societo Aragona (JESA)
Por Baskio, Alava Esperanto-Asocio (AEA)
Por Katalunio, Junulara Esperantista Kataluna Asocio (JEKA)
Por Madrido, Madrida Esperanto-Junularo (MEJ)
Por Valencio-Murcio, Mediteranea Grupo "Juna Sudo".

**HEJS–Juneco oficiala organo de HEJS**, eniris en novan etapon kiel nun el la paŝoj al la renovigo de HEJS. Redaktas Jesuo Armengol en Sta. Coloma de Gramanet. Ĝi aperas regule ĉiun duan monaton. La plej bona ŝanco estas, ke la Urbestraro de Santa Coloma tute senpage presas 300 ekzemplerojn (Danke la bonajn rilatojn de J. Armengol kun la aŭtoritatuloj)

**Financoj.** La situacio de niaj kasoj ne estas tute bonfarta. Post la Madrida Tendaro niaj financoj dividiĝas precipe en kvar kasoj: En Sevilja troviĝas du el ili. La du ceteraj troviĝas en Madrido kaj en Barcelono. Niaj preskaŭ solaj enspezoj estis: ricevo de parto de la Valencia subvencio (ankoraŭ estas ricevontaj tri kvaronoj da ĝi) kaj repago de kotizo de la junaj madridaj kongresanoj plus subvencio (kion ni tre devus danki al la IKK)

(Noto de la sekretario Victor Ruiz. Pro tio, ke en la momento de la redaktado de la raporto ankoraŭ mi ne ricevis la raporton de la HEJS-Prezidanto Alberto Franco, mi ĉerpis la menciitajn notojn el la Jarraporto de HEJS, disdonita en la 12a HEJS-Tendaro en Monistrol, verkita de la HEJS-estraro. Bedaŭrinde mankas en la notoj pri financoj la favoraj aŭ ne favoraj saldoj).

**FERVOJISTA SEKCIO – HEFA**

Prezidanto: Rafael Ruiz.– Tiu sekcio regule organizas E-Kursojn en sia sidejo en Stacio SANTS – Barcelono kaj eldonas la bultenon "Libera Trako". Grava delegacio partoprenis en 1987 en la 39a IFEF–Kongreso, Katowice, Pollando. Nun HEFA preparas la ĉeeston en la nunjara 40a IFEF-Kongreso en Perpignan, Francio, kie estos prezentata la programo por la venontjara 41a IFEF-Kongreso en Salou. Hispanio. 1989.

Tre sukcese organizis, la tagon 14an de majo, feston en Sant Pau d'Ordal memorante la 20an datrevenon de la fondo de la Hispana Esperanto-Muzeo.

**INFORMA OFICEJO.** Bedaŭrinde tiu fako ne funkciis dum la lasta periodo. S-ro Julio Herrero, el Malago respondeculo, nur eldonis unu informilon, kaj iom post iom li rezignis la agadon.

**ELDONA FAKO.** Pasintjare HEF investis pli da 500.000 pesetoj en la eldonado de la Vortaro Esperanto-Hispana de d-ro Tudela kaj de la ilustrita broŝuro "Esperanto el idioma para comunicarse sin obstáculos", elĉerpinte la financajn rezervojn de nia konto, pro tio, en la lasta, periodo neniu nova eldonaĵo estis eldonita.

**OFICEJO EN MADRIDO.** Kiel tradicie, oni regule organizis E-Kursojn, paroladojn kaj konferencojn, kaj kunordigas la oficialajn kontaktojn de la Federacio kun la instancoj kaj aŭtoritatuloj de la registaro en la ĉefurbo.

**SIDEJO EN BARCELONO.** La estraro kunordigis la diversajn fakojn kaj sekciojn de la Federacio; ekspedis, kun la helpo de tre laboremaj HEF-Membroj el Barcelono, la oficialan organon "BOLETIN"; impulsis la organizadon de novaj Esperanto-Asocioj; kontaktis kun la E-Asocioj Aliĝintaj al la Federacio (50) kun la celo plani la nunajn kaj estontajn hispanajn kongresojn; ĉiudumonate aranĝis ordinaran kunvenon de la HEF-estraro kaj delegitoj de la E-Asocioj, la lastaj okazis en Manresa, Moià, Sabadell kaj Sant Pau d'Ordal; instigis la publikigon en la ĵurnaloj de notoj kaj raportoj pri Esperanto: El Diari de Girona, El País, El Periódico, Diari de Barcelona, Diario de Sabadell, La Vanguardia, Diari 16, Heraldo de Aragon, kaj en la revuoj: Mia, Radio Amateur, El 3 de nou. Specialan taskon plenumis la du komitatanoj de UEA en Hispanio s-roj Salvador Aragay kaj Luis Hernández, kiuj korespondis kun la UEA-estraro pri la estonta Universala Kongreso en Valencio kaj ankaŭ kontaktis kun la lokaj E-Asocioj cele la organizadon en la sama jaro de la Antaŭkongreso, Postkongreso kaj la Internacia Junulara Kongreso de TEJO; feliĉe nun ni jam povas informi, ke la Urbestraro de Manresa (Barcelono) petis al ni la Organizadon de la Antaŭkongreso de la U.K.; nun mankas du urboj pliaj, unu por la Postkongreso kaj alia por la IJK de TEJO. Plie s-ro S. Aragay estis intervjuita en la televida programo 3x4 de la unua televido-kanalo. S-ro Luis Hernández Izal, vicprezidanto, kunordigis la eldonadon de la verko "El Doctor ESPERANTO" kun la zaragozaj samideanoj kaj ĉiusemajne, merkrede, kunvenas kun barcelonaj esperantistoj kaj delegitoj de la E-Asocioj.

Peza kaj monotona tasko estis prepari la sliparon kaj la adresaron, bonŝance la vicsekretario Josep Miranda pere de sia komputilo eldonis la adresaron por ekspedi la bultenon "Boletín" kaj s-ino Anna Cardo tre diligente, ĉiusemajne, helpata de la gesamideanoj: Edelmira, Laura, Casanovas, k.a., sukcesis prepari la sendadon de nia organo. La sekretario s-ro Víctor Ruiz kontrolas kaj sendas la kvitancojn al la membroj, kiuj jam sendis sian kotizon. La kasisto Joan Font ĉiumonate informas pri la ĝusta situacio de niaj elspezoj kaj enspezoj, kio permesis al la HEF-estraro plani pragmate la estontan projekton. El la voĉdonantoj oni nepre meritas mencii la fruktodonan taskon de s-ro José González el Ekstremaduro, kiu sukcesis organizi 4 Esperanto-kursojn en la "Universidad Popular de Badajoz", eldonis afiŝojn kaj aperigis notetojn pri Esperanto en la loka gazetaro, kaj s-rino Rafaela Urueña, el Kastilio kaj Leono, pro la serio da paroladoj kaj intervjuoj en radioj kaj ĵurnaloj.

Centoj da leteroj estis adresitaj el la HEF-sidejo en Barcelono al la membraro kaj eksterlanden, pro tio la HEF-estraro tre bone konscias, ke kontraŭ nia deziro kelkfoje ni prokrastis nian taskon, bonvolu pardoni nin. Ĉiuj estraranoj kaj respondeculoj restas je via dispono.

La prezidanto
**Salvador Aragay**

La sekretario
**Víctor Ruiz**

---

## HISPANA ESPERANTO – FEDERACIO
## KUNVOKILO DE LA ĜENERALA KUNVENO

---

Laŭ la artikolo 25a de nia Statuto oni kunvokas la Ĝeneralan Kunvenon de HEF ene de la 48a Hispana Kongreso de Esperanto en Valencio, la tagon 16an de julio je la 16a horo, en la salono de la kongresejo "Facultad de Ciencias Económicas y Empresariales, strato Blasco Ibáñez 30.

1a. Legado kaj aprobo de la akto de la antaŭa Ĝenerala Kunveno.
2a. Legado kaj aprobo de la sekretaria raporto.
3a. Legado kaj aprobo de la financa raporto.
4a. Propono pri altigo de la HEF-kotizoj.
5a. Proponoj pri urboj por la estontaj hispanaj kongresoj.
6a. Agadplano por la periodo 1988-1989.
7a. Demandoj. Sugestoj kaj Proponoj.

La HEF-Sekretario
Víctor RUIZ

## FINANCA RAPORTO DE HEF. JARO 1897

| ELSPEZOJ | P-toj | P-toj |
|---|---|---|
| Presado de "Boletín" | 617.344 | |
| Afranko por "Boletín" | 13.600 | |
| Etikedoj (s-ro Miranda) | 6.636 | 637.580 |
| Lupago sidejo | 84.000 | 84.000 |
| Oficejo | 8.470 | |
| Ŝparkaso "LA CAIXA" | 350 | |
| Fotokopioj | 5.498 | |
| Poŝtmarkoj | 22.680 | |
| Presejo, presado de konvertoj kaj leteroj | 36.300 | 73.298 |
| Rembursoj | 37.500 | 37.500 |
| Vortaro d-ro E. Tudela | 234.080 | |
| Permeso Heredintoj de d-ro E. Tudela | 25.000 | 259.080 |
| 47a H.E.K. Madrido | 15.850 | 15.850 |
| Transportagentejo | 9.860 | 9.860 |
| Abono al MONATO | 2.900 | |
| " " HEROLDO de Esperanto | 1.450 | |
| " " al MEM | 1.250 | 5.600 |
| Festo prezentado de libroj | 2.000 | |
| " " " videoj | 6.600 | 8.600 |
| Invito-adiaŭo 72a K.E. Pollando | 2.000 | |
| " reprezentanto 48a UK | 1.500 | |
| " Redaktoro Bulgara Esperantisto s-ro Donĉo | 5.000 | 8.500 |
| Subvencio "Fundación Esperanto" | 10.316 | |
| " Fondaĵo Luis Mimó | 20.000 | |
| " Delegitoj 43a I.J.K –TEJO Krakovio | | |
| J. Kamaĉo | 15.000 | |
| A. Valero | 15.000 | 60.316 |
| Kotizo HEJS | 11.000 | |
| " UEA | 50.715 | 61.715 |
| Cirkuleroj, Radio-elsendoj kaj ĵurnaloj | 3.000 | 3.000 |
| Repagi ŝuldon Literatura FAKO | 169.000 | |
| " " Luis Mimó | 76.000 | 245.000 |
| Elspezoj jaro 1987, entute | | 1.509.899 |
| Profito jaro 1987 | | 8.315 |
| | | 1.518.214 |

=======

| ENSPEZOJ | P-toj | P-toj |
|---|---|---|
| Membrokotizoj | 648.290 | |
| 4 " D.M. (2 po 20.000; 2 po 30.000) | 100.000 | 784.290 |
| Anoncoj "Boletín" | 5.000 | 5.000 |
| Donacoj | 24.245 | 24.245 |
| Profito jaro 1981 | 108.408 | |
| " Kongreso de Vigo, 46a H.E.K. | 36.938 | |
| " Kongreso de Madrido, 47a H.E.K. | 72.133 | |
| " Ekzamenoj Kongreso de Madrido | 9.000 | |
| " Disvendado Loterio Kristnasko | 75.000 | |
| Subvencio Vojaĝoj IBERIA, Kongreso Pollando, 72a K.E. | 103.800 | 405.679 |
| Pruntaĵo Literatura FAKO | 169.000 | |
| " Fondaĵo Luis Mimó | 76.000 | 245.000 |
| Vortaro d-ro E. Tudela | 90.000 | 90.000 |
| TUTA ENSPEZO | | 1.518.214 |

---

**LIBRO – SERVO de Hispana Esperanto-Federacio**

**Bilanco de enspezoj kaj elspezoj dum la jaro 1987.**

| | P-toj | P-toj |
|---|---|---|
| Antaŭa Saldo | | 103.991 |
| Disvendado de libroj | 808.750 | |
| Interezoj konto Poŝta Kaso | 50 | |
| Aliaj enspezoj | 296 | |
| Enspezoj en la jaro | | 809.096 |
| ĜENERALAJ ENSPEZOJ, entute | | 913.087 |

| | P-toj | P-toj |
|---|---|---|
| Aĉetodo de libroj | 664.083 | |
| Poŝto (poŝtmarkoj, presaĵoj O.I.T., presaĵoj rekomenditaj | 34.212 | |
| Transporto de libroj | 21.453 | |
| Bankaj elspezoj (internaciaj ĝiroj) | 5.850 | |
| Oficeja materialo (pako-papero, ŝnuro, ktp.) | 13.934 | |
| Partopago al Graf. Andrés Martín por broŝuro | 75.000 | |
| Diversaĵoj | 17.261 | |
| Jarelspezoj | | 831.993 |
| Saldo nova konto | | 81.094 |
| ĜENERALAJ PAGOJ, entute | | 913.087 |

Valladolid, 31an decembro, 1987.

**Vizinto**
**HEF-Prezidanto**
**Salvador Aragay**

**LA LIBRO – SERVO KOMIZO**
**Luis Hernández**

Klarigaj notoj pri resumo de kontoj.

1. Tiel same en la Vendado kiel en la Aĉetado de libroj estas inkluditaj, krom tiuj, kiuj rilatas al la Kaso, tiuj eksterlandaj, kies enspezoj estis enkasigitaj en nian konton en UEA, simila al la spezo inter Librejo Esperanto kaj "Libroservo de HEF".

2. En la aĉetado de libroj, pagitaj de Libroservo, estas inkluditaj 50.000 p-toj, kiuj respondas al fakturo de libroj de M.E.L., kiuj estas profito de la Kongreso por la Federacio.

3. Kvankam en la ekstrakto de kontoj nur enviciĝas parta pago de 75.000 p-toj por la informa folieto "Esperanto, el idioma para comunicarse sin obstáculos", la tuta kosto estis pagita per persona antaŭpago de geedzoj Hernández-Urueña. La citita antaŭpago estos pagata, sen preterlaso de la normala malvolviĝo de la servo, laŭ tio, kion permesos la cirkonstancoj.

HEF – Sekretario
**V. Ruiz**

---

## INTERNACIE

---

**100–jara jubileo de la Esperanto–Grupo Nürnberg/Bavario 21–23 oktobro 1988.**

La Esperanto–Grupo Nümberg fariĝos centjara, motivo por publike festi tion. Publike, tio signifas por ni, ke laŭeble multaj lingvo-amikoj kolektiĝu, por omaĝi tiun datrevenon.

Sed Nürnberg ne nur havas la **unuan Esperanto-Grupon de la mondo,** Nürnberg ne nur gastigis la **15an UK en 1923,** – en Nürnberg ankaŭ aperis la **unua Esperanto–gazeto** en la jaro **1989.**

Informoj kaj aliĝiloj haveblas ĉe: Bavara Esperanto–Ligo, Seitzstr. 14, D–8900 Augsburg aŭ ĉe la Esperanto-Grupo Nürnberg, Pirckheimerstr. 11/1 D-8500 Nürnberg.

**ESPERANTO INTERNACIA AMIKECA KUNIĜO.** La 23an-25an sept. 1988. Tri tagoj da Esperanta kuneco en trankvila loko kaj ĉarma gastejo. Ĝi tiu ĉiujara okazo nun estas aranĝita sub la aŭspicioj de la Sudoorienta Esperantista Federacio (de Anglujo).

Plua informo estas havebla de: Bertram Rusell, 103 South Coast Road, Peacehaven, Newhaven, East Sussex, Anglujo, BN9.

## HISPANA ESPERANTO – MUZEO EN SANT PAU D'ORDAL FESTIS SIAN DUDEKAN JUBILEAN FONDIĜON

Veturantoj de aŭtoĉaro el Barcelono kaj alia el Zaragoza kaj multaj aliaj esperantistoj renkontiĝis la 14an de majo en Sant Pau d'Ordal por festi la dudekan jubilean fondiĝon de la Hispana Esperanto–Muzeo.

Matene la ĉestantaro plenigis la Muzeon por ĝin viziti. S-ro Luis Hernández Izal, la Direktoro, akceptis la alvenintojn, kiuj vizitis la diversajn fakojn de la Muzeo. Poste ĉiuj aliris al proksima publika salono, kie okazis la prezentado de du novaj verkoj pri Esperanto. El Doctor "ESPERANTO". L.L. Zamenhof. Apostol de la Paz. de Fernando de la Puente kaj "La Premsa Esperantista a Catalunya (1905–1939)" de Nacís Fluvià i Dolors Marín.

S-ro Ricard Güell malfermis la prezentadon kaj donis la parolon al s-ro Fernando de la Puente. Li unue dankis s-ron L. Hernández Izal pro la helpo de la Muzeo por verki sian biografion de Zamenhof kaj ankaŭ menciis la Francan Muzeon de Esperanto, ĉar konsultante iliajn arkivojn li povis eltiri la elementojn por originale verki El Doctor "ESPERANTO". Li verkis la libron kastillingve por ke la ne esperantistoj povu informiĝi pri la aŭtoro de Esperanto kaj la fondiĝo de la Esperanto-Movado.

Post la parolo de Fernando de la Puente estis prezentita la katalunlingva verko "La Premsa Esperantista a Catalunya (1905–1939)". Ĝia aŭtoro Nacís Fluvià ne povis alveni al Sant Pau d'Ordal. Lia edzino Dolors Marín, an-



kaŭ kunaŭtorino de la verko, prezentis ĝin kastillingve pro ĝentileco al la Zaragozanoj. La verko jam estas preta por la eldono kaj konsistas el antaŭparolo de Albert Balcells, historia resumo de la Esperanto-Movado en Katalunio ĝis la jaro 1939 kaj studaĵo de ĉiuj Esperantaj publikigaĵoj ĝis tiu dato, listigo de ĉiuj aperintaj numeroj kaj fotokopioj de la frontpaĝoj de la unuaj numeroj de ĉiu publikigaĵo.

Post tiu aranĝo oni vizitis du proksimajn kelojn de ĉampanproduktado. La aŭtoĉaro el Barcelono en unu kelo kaj la aŭtoĉaro el Zaragoza en alia. En ili estis klarigita la procezo de la formiĝo de la ŝaŭma vino kaj la esperantistoj estis ankaŭ invititaj al gustumado.

Post la kelo-vizitoj ambaŭ aŭtoĉaroj aliris al la Kastelo de Subirats, nun parte rekonstruita kaj funkcianta kiel restadejo.

Monaĥino klarigis al la ĉestantoj la historion de tiu kastelo. Subirats, ŝi diris, ke ĝi estas municipo formita el kelkaj vilaĝoj, inter ili Sant Pau d'Ordal, kie sidas la urbestraro. En Iberia prahistoria tempo la roko sur kiu stariĝis la kastel-ermitejo estis jam oferŝtono. En tiu ĉi loko la pejzaĝo estas belege impona kaj sube konstante elfluas akvo el fonto. La nuna preĝejo estis parte konstruita antaŭ la alveno de la araboj kaj la alia parto en la tempo de la Rekonkero. Ĝi havas grandan historian kaj artan valoron.

Post la vizito al la Kastelo de Subirats ni ĉiuj aliris al restoracio por komuna manĝado ĝis la nepra adiaŭo, unu aŭtoĉaro al Barcelona kaj la alia al Zaragoza, kun la espero, post kvin jaroj, reveni al Sant Pau d'Ordal por festi la dudekkvinan datrevenon de la fondiĝo de la Hispana Esperanto-Muzeo.

Vespere la HEF-estraro kunsidis en la Esperanto-Muzeo kaj la kunsido finiĝis per adiaŭo al s-ro Luis Mª Hernández Izal, Direktoro de la Muzeo kaj Vicprezidanto de HEF.

Ni ĝuis veteron escepte bonan kaj instruan esperantistan feston. La Hispana Esperanto-Muzeo de Sant Pau d'Ordal estas firma fundamento de la Hispana Esperanto-Movado.

**G. M. E.**

---

## 11a INTERNACIA SEMAJNO DE ESPERANTO

La Kultura Centro de Montpellier proponas al vi lerni aŭ perfektigi vian scipovon pri esperanto de la 20a ĝis la 28a de aŭgusto 1988. Profitu, samtempe, trapasi agrablajn feriojn en montara ripoza loko, proksime de Svislando (30 km sud-oriente de Ĝenevo).

Restadokosto kun tri manĝoj: 111 FF tage. Ebleco tendumi proksime. Aliĝo/Informo: ESPERANTO, 5 rue du Dr. Roux, 34000 MONTPELLIER — FRANCE—

## HEF – SIDEJO EN BARCELONO

**NOVAJ MEMBROJ:** Angel Miralles Pastor, Consuelo Alegre, Lorenzo Noguero, Francisco J. Nueves kaj Samiñe Irigolen.

**NOVA ESPERANTO–ASOCIO ALIĜINTA:** Alava Esperanto-Asocio, Domingo Beltran 42, 4° derecha. Vitoria 01012

**DUMVIVAJ MEMBROJ:** Lorenzo Noguero Sarasa kaj Martín Aguado Jerez.

**NOTO DE LA KASISTO DE HEF.** S-ro Joan Font atentigas la membrojn, ke la numero de "Boletín" de post la 48a Kongreso estos sendita renburse al tiuj, kiuj ne efektivigis la pagon de la jara HEF-kotizo.

En la venonta 49a Hispana Kongreso de Esperanto, jaro 1989, finiĝos laŭstatute la aktuala Estraro de HEF. Esperanto-Asocioj, voĉdonantoj kaj membroj bonvolu fari proponojn kaj sugestojn cele al la elektado en Bilbao de HEF-estraro kaj HEF-sidejo.

Laŭ la HEF-regularo, artikolo n-ro 7a kaj la statuto de la junulara HEF-Sekcio (HEJS) n-ro 13a, en Valencio finiĝas la periodo de la nuna HEJS-prezidanto kaj estraranoj, kiuj estis elektitaj antaŭ du jaroj en Vigo. Tiel do, interesiĝantoj bonvolu proponi kandidaton en la Ĝenerala Kunveno de HEF en Valencio.

## NEKROLOGA

Ni funebras pro la forpaso de d-ro István Szerdahelyi, 1924.08.20–1987.08.21, lingvisto, universitata docento, estro de la Esperanto-fako en Universitato de Budapest, vicprezidanto de HEA, prezidanto de ILEI, akademiano en Esperanto, Honora Membro de UEA.

**Norbert Barthelmess**, la aktivulo de SAT, forpasis en Parizo, 90-jara, la pasintan 3an de novembro. Post E. Lanti, la fondinto de SAT, Barthelmess estis la plej grava impulsanto de Sennacieca Asocio Tutmonda. De 1928, kiam li estiĝis la redaktoro de "Sennaciulo" kaj "Sennacieca Revuo", krom en la intermito de la Dua Mondmilito, Barthelmess daŭre agadis en la kampo de la laborista esperantismo. Lia plej grava literaturo kontribuaĵo al Esperanto estas la versa tradukto de la ĉefverko de la germana literaturo Faŭsto de Goethe.

## DEZIRAS KORESPONDI

Tiu ĉi numero de "Boletín" malfermas Korespondan Paĝon. Ĉiu, kiu deziras korespondi sendu al la Redakcio la adreson kaj menciindajn sciigojn.

Tiu servo de HEF estas senpaga. Pri la enhavo kaj plenumo de la anoncetoj, la Redakcio ne respondecas. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado.

14–jaraĝa knabo, kiu kolektas poŝtmarkojn, poŝtkartojn, monerojn. SILVAN MUGLIETTE. 7, st. Theresa Street. GHAXAQ (Malta). — — 18-jaraĝa studento pri ekonomio, kiu interesiĝas pri sporto, fotoj, bildkartoj; ALi FALLAHI. Lakan Shokri. Foroshgahe Fallahi. RASHT 41456 (Irano). — — 18-jaraĝa junulo. HASSAN DELAVAR. Gate Lakan the end alley Hamid Bayani no. 39. RASHT 41456 (Irano). — — 12-jaraĝa knabo, kiu interesiĝas pri futbalo kaj poŝtmark-kolektado. ALI ZAIDMORADI. Aĝabŝir. PADEGAN –ARŜADI (pĉk. 5). — — 19-jaraĝa studento. ADEL HOSSEIN GORBANI. Jaghoob Hossein Ghorbani Shop. Sadat Mahalleh. RAMSAR (Irano). — — 19-jaraĝa junulo. Moĝtaba Karimi. Mazanderan. Mohalleh. Ali Karimi Shop. RAMSAR. SADAT (Irano). — — Esperanta literaturo ege interesas min. Tial mi deziras interŝanĝi esperantajn librojn kun ĉiuj. S-ro XIE NONG. P.O. Kesto 8510. ShaSki. HUBEI (Ĉinio).

18 jara hungaro, interesiĝas pri muziko kaj libroj. Autal Turzó – ZSOMBÓ, Felszabadulás 70 – H-6792 Hungario. — — Junulo, 23 jara, ŝatas legi sciencajn fikciojn, vojaĝi kaj ekskursi. Szabó Sándor. BUDAPEST – 1041 Tító 50 I/5 Hungario. — — Kun junaj gehispanoj kiuj povus helpi lin lerni la hispanan lingvon. David J. Cannon P.O. Box 35-403 BROWNS BAY – Auckland 10 New Zeland, 1310. — — S-ro Xie Nong, P.O. Kesto 8510, SHASHI, HUBEI, Ĉinio, pri esperanta literaturo, kaj deziras interŝanĝi librojn.

12-jara pola knabo kun samaĝaj geknaboj. Skribu al: Sebastian Korniluk, ul. Nowodworska 33/47, PL - 85 - 120 BYOGOSZCZ (Pollando).— — S-ino Joanna Sokalska, ul. Marie Dabrowskiej 19/78, PL - 01 - 903 WARSZAWA (Pollando).— — F-ino Nina Tokarska, ul. Nowy Swiat 24/13, PL - 50 - 135 WROCLAW (Pollando).— — Sergio M. Jakaŭleŭ, per. 8 Marto 16, SU-210 002 VITEBSK (Belorusio – URSS).— — Dariusz Kejna (Kolektas poŝtkartojn kaj deziras tiujn: "Sagrada Familia" kaj "Katedralo" en Barcelono), ul. Kościu 52 Kl 9/1 81-704 SOPOT (Pollando).

## DEZIRAS KORESPONDI

Karlo Novotny, 27-jara hungaro, kun 20-27 jaraj junulinoj. Interesiĝas pri vojaĵoj, filozofio, naturscienco, scienca-fikcio kaj fotografado. 8200 VESZPREM Hársfa u. 35. Hungario. — Flora Torres Albadalejo, hispanino, esperanto-lernantino. C/Casas del Guardia, 30739 EL MIRADOR-S. Javier. Murcia. Hispanio. — 17-jara hungara lernantino. Interesiĝas pri Hispanio kaj volas konatiĝi kun hispanaj gejunuloj. Emese Boda. TELEKGERENDÁS. Dózsa György u. 19. 5675 Hungario. — Kovács Józef, 18-jara, komencanto, kun knabinoj, kiuj aĝas 14-18 jarojn. MAGYARORZÁG HATVAN, Béke út 52. 3000 Hungario. — Ivan Borgoŝ, 17-jara, studento de Meza Ekonomia Lernejo. Interesiĝas pri moderna kaj populara muziko, precipe USONA. Miàdeźnicka 158-SEŜ. 92601 SERED. Ĉeĥoslovakio. — Vladimir Pys, 41-jara. Pri kolektado de bildkartoj, insignoj, etikedoj, poŝtmarkoj, ktp. 72300 Martinov ĉ 13. OSTRAVA. ĈSSR. Ĉeĥoslovakio. — Kalouay Krirstina. Bibliotekistino kaj okupiĝas pri astronomio. Havas intereson por la vivo de bibliotekistoj kaj hispana kulturo. Nyèreayhàsa, Megrei és Vàrsi Könyutàv. Gyermenkönyutàv. Evabadsàe teř 2. H. 4400 Hungario. — László Pálinkás. Kolektanto de poŝtmarkoj kaj bildkartoj. BUDAPEST 1043. Munkásotthon v. 55. Hungario.

Janusz Marek Krupski. Finis psiĥologian fakultaton kaj studas filologion. Ŝatas konatiĝi kun personoj el diversaj kulturoj. 91-082 LÓDŹ, ul. Srebrzyńska 47 M. 52 Pollando. – Peŝka HR. Dobrera. Kom, Mladosi, bl, 81 vh, 5 1156 SOFIA. Bulgario. – Szepesi Lászlo, 37 jara fraŭlo, invalida emerito pro malbona vidado, deziras, ke oni transdonu lian adreson al tia samsortulino aŭ sana fraŭlino, kiu volonte korespondus kun li! 2241 SÜLYSA`P Szilvafasor 41. Hungario.

Janusz Marek Krupski. Finis psiĥologian fakultaton kaj studas filologion. Ŝatas konatiĝi kun personoj el diversaj kulturoj. 91-082 LÓDŹ, ul. Srebrzyńska 47 M. 52 Pollando. -- Peŝka HR. Dobrera. Kom, Mladosi, bl, 81 vh, 5 1156 SOFIA. Bulgario.

S-ro Dariusz Kejna. Ul. Kościu 52 KI 9/1. 81-704 SOPORT. Pollando. Kolektas poŝtkartojn el la tuta mondo. Deziras poŝtkartojn: "Sagrada Familia" kaj Katedralo de Barcelono.

Szepesi Lászlo, 37 jara fraŭlo, invalida emerito pro malbona vidado, deziras, ke oni transdonu lian adreson al tia samsortulino aŭ sana fraŭlino, kiu volonte korespondus kun li! 2241 SÜLYSA`P Szilvafasor 41. Hungario.

## RECENZO

*El Doctor "ESPERANTO". L.L. Zamenhof. Apostol de la paz. Fernando de la Puente. Paĝoj 312. Formato 20,5 x 14,5 cm. Prezo 1.500 p-toj.*

Jen grava biografio de L.L. Zamenhof en hispana lingvo.

La lingvo Esperanto ne estas disiga de la vivo de Zamenhof. Pro kio Zamenhof kreis Esperanton? La biografio de Zamenhof de Fernando de la Puente klarigas tion. Zamenhof kreis la Universala Lingvon kiel reagon al sia propra situacio kaj samtempe pro reago al la cirkonstancoj en kiuj malvolviĝis lia vivo. Kaj tio ne estas ĉio. En samaj malfavoraj cirkonstancoj ne ĉiuj homoj same reagas. La plejmulto sin malkuraĝigas, adaptiĝas al la malfavoraj cirkonstancoj kaj elektas la plej facilan vojon, la neniofaradon. Aliaj reagas laŭ propraj kaj tujaj interesoj.

Zamenhof estas unu el tiuj homoj esceptaj, kiuj ekreagante en favoro de sia raso aŭ deveno, larĝigas sian mensan horizonton kaj konceptas la homaron entute. Zamenhof spertis la interrasajn malamojn, spertis pogromojn, kaj reagis ne nur por solvi la hebrean malbonan sorton, sed alfrontis la homaran ĝeneralan problemaron por atingi konkordan kaj pacan kunvivadon super la diferenciĝoj. Kiel rimedon unu lingvon komunan super la aliaj, ĉu gepatraj, ĉu naciaj, kaj unu komunan moralon super la diferencaj religiaj ceremonioj. Li serĉis fortigi la unuigajn faktorojn kaj mildigi la disigajn por atingi la unuecon en la diversecon en konkordo kaj paco.

Zamenhof pro sia grandanimeco fariĝis unu el la plej elstaraj personecoj de la homaro. Li signis la vojon al la estonteco kune kun la rimedo por atingi ĝis: "Sur neŭtrala lingva fundamento, komprenante unu la alian, la popoloj faros en konsento, unu grandan rondon familian".

La biografio de Zamenhof farita de Fernando de la Puente havas tiun celon: per la biografio de Zamenhof rakonti preskaŭ romane la estiĝon de Esperanto kaj ĝian humanecan pacan mesaĝon. La verko de Fernando de la Puente estas biografio de Zamenhof, genezo de Esperanto, historio de la Esperanto-movado kaj alvoko por la paco.

Estus konvene, ke antaŭ ol komenci Esperanto-kursojn oni kiel en seminario studus la biografion de Zamenhof en la propra gepatra lingvo, ĉar kompreneble por varbi esperantistojn unue oni devas fari Esperanto-simpatiantonj, poste instrui la lingvon kaj fine, ke ili aniĝu al la Esperanto-movado.

Grava verko tiu de Fernando de la Puente, unika en kastilia lingvo. Elstara biografio de L. L. Zamenhof, ankaŭ leginda de la esperantistaj aktivuloj.

G. M. E.

De la 31a de marto ĝis la 3a de aprilo okazis en la Junulara Restadejo apud Monistrol de Montserrat la 12a HEJS-Tendaro, organizita de komisiono el tri personoj helpataj de JEKA (Junulara Esperantista Kataluna Asocio) kaj ATOMO (Junulara sekcio de BEC) nome de HEJS.

Tiun ĉi tendaron ĉeestis 29 gejunuloj el diversaj aŭtonomaj regionoj (Andaluzio, Aragono, Baskio, Madrido kaj Katalunio), du eksterlandaj junuloj (germano kaj portugalo) kaj dudek du katalunaj esperantistoj partoprenantaj dum kelkaj horoj (la HEF-prezidanto Salvador Aragay kun sia ekzino kaj KAE-prezidanto Ramón Manau estas ekzemploj de nejunaj esperantistoj, kiuj kun juna entuziasmo vizitis nin dum kelkaj horoj).

Komenciĝis la tendaro kaj fatalaĵo ŝvebis super ni, ĉar la valenciaj esperantistoj ne alvenis pro veturaj malhelpoj, sed tiu kontraŭaĵo estis kompensita per la multnombro da esperantistoj alvenintaj el Alava Esperanto-Asocio (pli ol dekkvar).

La problemoj aperis kiam la organizantoj ne decidis aŭ ne povis aranĝi tuj la aferon, kaj la partoprenantoj ne sciis ĝis la lasta momento aferojn kiel la nefumadon en la Restadejo aŭ je kioma horo devas finiĝi la muzikado (kelkaj partoprenantoj funkciigis kasedojn de bruega moderna muziko ĝis la 4a matene).

Ni ne deziras mencii nomojn por eviti ofendon, sed mi deziras mencii la bonvolemon de Jesuo Armengol, kiu deziris ordemon, sed ne povis...

Malgraŭ ĉio la tendaro sukcesis kaj niaj aranĝoj estis tre sukcesaj. Inter tiuj aktivaĵoj elstaris informa kolokvo pri Amnestio Internacia, kursoj pri Esperanto kaj kataluna lingvo, instruado de "sardana" (kataluna folklora danco) kaj populara esperanto-festo, en kiu partoprenis aŭtoritatuloj kaj loĝantoj de la urbeto Monistrol, ktp.

Fine la plej sukcesa kaj emocia aktivaĵo de la tendaro estis ekskurso al la fama Monaĥejo Montserrat, kies respondeca pastro diris en perfekta Esperanto bonvenan saluton al la junaj gevizitantoj. Resumante ni povas diri, ke la 12a HEJS-Tendaro estis sukcesa, malgraŭ la pluvema vetero, kiu vizitis nin.

Pri aliaj aspektoj de la Tendaro ni devas konstati, ke ne ĉiam ili estis bonaj. Ekzemple, la vetero estis pluvema en la tagoj, kiam la pluvo ĝenis, kaj la suno brilis en la tagoj kiam la pluvo ne ĝenus.

La lingva Esperanto-nivelo estis bona, kelkaj estis komencantoj, tamen ili havis la neoftan eblecon interparoladi kun multaj esperantistoj.

Aliaj gravaj aferoj estis la HEJS-kunsidoj dum kiuj oni decidis la novan strukturon de HEJS, ratifotan de la Ĝenerala Kunveno de HEF en Valencio.

Mi ankoraŭ devas mencii la agadon de la JEKA-Estraro, kiu profitis tiun okazaĵon por starigi sian Delegitaron en Katalunio; la unua Delegacio el tiu reto estas en Olesa de Montserrat.

Mi atendas nur, ke la proksima HEJS-Tendaro, okazonto en Alava, organizita nome de HEKS de Alava Esperanto-Asocio estu ankoraŭ pli sukcesa.

**Jordi Ferré**
**Vicprezidanto de JEKA**

# PENSOJ DE ZAMENHOF

El la parolado de la Dua Kongreso, 1906 en ĜENEVO
(Ludovikito, kajero 7, pĝ. 367)

Vi memoras, kiel forte ni ĉiuj estis entuziasmigitaj en Bulonjo sur Maro. Ĉiuj personoj, kiuj partoprenis en la tiea kongreso, konservis pri ĝi la plej agrablan kaj plej entuziasman memoron por la tuta vivo, ĉiuj ĝin nomas "la neforgesebla kongreso". Kio do tiel entuziasmigis la membrojn de la kongreso: Ĉu la amuzoj per si mem? Ne, ĉiu ja povas havi sur ĉiu paŝo multe pli grandajn amuzojn, aŭskulti teatraĵojn kaj kantojn multe pli bonajn kaj plenumatajn ne de nespertaj diletantoj, sed de plej perfektaj specialistoj! Ĉu nin entuziasmigis la granda talento de la parolantoj? Ne; ni tiajn ne havis en Bulonjo. Ĉu la fakto, ke ni komprenis reciproke? Sed en ĉiu kongreso de samnacianoj ni ja komprenas nin ne malpli bone, kaj tamen nenio nin entuziasmigas. Ne, vi ĉiuj sentis tre bone, ke nin entuziasmigas ne la amuzoj per si mem, ne la reciproka simkomprenado per si mem, ne la praktika utileco, kiun Esperanto montris, sed la interna *ideo* de la esperantismo, kiun ni ĉiuj sentis en nia koro. Ni sentis, ke komenciĝas la falado de la muroj inter la popoloj, ni sentis la spiriton de ĉiuhoma frateco. Ni konsciis tre bone, ke ĝis la fina malapero de la muroj, estas ankoraŭ tre kaj tre malproksime; sed ni sentis, ke ni estas atestantoj de la unua forta ekbato kontraŭ tiuj muroj; ni sentis, ke antaŭ niaj okuloj flugas ia fantomo de pli bona estonteco, fantomo ankoraŭ tre nebula, kiu tamen de nun ĉiam pli kaj pli korpiĝados kaj potenciĝados.

Jes, miaj karaj kunlaborantoj! Por la indiferenta mondo Esperanto povas esti nur afero de praktika utileco. Ĉiu, kiu uzas Esperanton aŭ laboras por ĝi, estas esperantisto, kaj ĉiu esperantisto havas plenan rajton, vidi en Esperanto nur lingvon, simplan, malvarman internacian kompreniĝilon, similan al la mara signaro, kvankam pli perfektan. *Tiaj* esperantistoj kredeble ne venos al niaj kongresoj aŭ venos al ili nur por celoj esploraj aŭ praktikaj aŭ por malvarma diskutado pri demandoj pure lingvaj, pure akademiaj, kiu eble ŝajnos al ili naiva kaj infana. Sed tiuj esperantistoj, kiuj apartenas al nia afero ne per sia kapo, sed per sia *koro*, tiuj ĉiam sentos kaj ŝatos en Esperanto antaŭ ĉio ĝian internan *ideon*; ili ne timos, ke la mondo moke nomos ilin utopiistoj kaj la naciaj ŝovinistoj eĉ atakos ilian idealon kvazaŭ krimon; ili estos fieraj pri tiu nomo de utopiistoj. Ĉiu nia nova kongreso fortikigos en ili la amon al la interna ideo de la esperantismo, kaj iom post iom niaj ĉiujaraj kongresoj fariĝos konstanta festo de la homaro kaj de homa frateco.

En la tuta vivo de Zamenhof, unu el liaj plej grandaj ĝojoj estis la unua granda festo de la esperantistoj; la Unua Universala Kongreso en Bulonjo. Ni ĉiuj ĝuis la tiean zamenhofan paroladon: "... ĉar hodiaŭ, inter la gastamaj muroj de Bulonjo sur Maro, kunvenis ne francoj kun angloj, ne rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj...".

Kaj jen dimanĉo, la 23an de aŭgusto, mi devas piki mian haŭton por kontroli ĉu ne temas pri sonĝo: en la sama teatro, ekzakte konservita interne, mi partoprenas kongreson en kiu denove bele fluas la internacia lingvo el la buŝoj de reprezentantoj de Anglio, Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Kanado, Nederlando, Pollando, Svedio kaj pluraj aliaj. Klare kaj kuraĝige parolis al ni Zofia Banet esprimante la bondezirojn de la polaj kamaradoj al SAT. Cele al fortikigo de la esperanta mozaiko parolis s-ro Maertens, de UEA, kun apogo al la laboro de SAT. D-ro Frank Hjalmar interesis nin pro la tiam establota kontrakto de kunlaboro inter SAT kaj AIS (Akademio Internacia de la Sciencoj, el San Marino). Yves Peyraut, prezidanto de SAT, akcentis la celojn de la Asocio kaj ĝia historio, ĉiam je la flanko de la laboristaro. Especiale li emfazis la distingon inter SAT kaj aliaj organizaĵoj klarigante, ke ĝi estas kaj restas PEResperanta asocio. Pripensinde, por nesatano kiel mi: kiuj aliaj POR-esperantaj organizaĵoj tiom multe faris por nia lingvo? Kaj fine, G. Waringhien regalis nin per dokumentita prelego pri zamenhofaj diroj.

La akcepto en la belega urbodomo estis solena, kun paroladoj de la urbestro kaj de la prezidanto de SAT. Ambaŭ parolis en la franca, kun esperanta traduko. La urbestro rimarkigis la malfermitecon de Bulonjo tra ĝia historio, la suferojn de la loĝantoj dum la dua mondmilito, kiam kvar kvinonoj de la urbo estis detruitaj. La estonto de la urbo estos brila: tre proksime jam oni komencis konstruon de la Eŭrotunelo, kiun oni finos en 1993. Interalie, trajna veturo inter Parizo kaj Londono postulos nur 3 horojn kaj 15 minutojn. Franca ĉampano fermis la oficialaĵon kaj ni kuris por foti nin ĉiujn antaŭ la muregoj de la malnova Bulonjo.

Kelkaj paroladoj estis especiale allogaj pro la diskutoj en tre libera, plenrajta etoso. Sed ni parolu pri distraj vesperoj: krom en la granda salono de la kongresejo, ankoraŭ du fojojn ni estis en la teatro de Bulonjo. Krom la bele interpretita teatraĵo de Jerzy Fornal, ni multe ĝuis Kandid (senartifikulo) de Voltaire, prezentita de Morel. Tamen, kiam iu katalunino kantis, mi estis ravita. Apud mi sidis franco kiu, kiam ŝi komencis kanti, flustris al mi: fine, mi havas belan voĉon en Esperantujo! Internacia repertuaro, gitaro, plaĉa voĉo, tio estas Mariona, la agrabla surprizo por multaj.

Inter la prelegoj, elstaraj estis tiu de Silfer Giorgio pri poezio, tiu de d-ro Frank pri propedeŭtika valoro de Esperanto. Vidling projekto (lingvo skriba, kun elementoj de stenografio), estis trafe prezentita de Mirco Marcetta.

La 61a SAT-kongreso okazos en Brazilo, de la 6a ĝis la 13a de aŭgusto 1988. Por tiuj kiuj ial ne iros tiel malproksimen, SAT denove kunvenos en Eŭropo en 1989, en Germanio. Tute rekomendinda.

**O. Otero**

## H E F: 40 JAROJ POR ESPERANTO

Valencia estis la unua sidejo de Hispana Societo por Propagando de Esperanto (fondita la 1an de februaro 1903) kaj tiu asocio estis la **unua** kun tutŝtata karaktero. Post ĝia malapero naskiĝis aliaj, sed kiam post la enlanda milito estis klopodoj por starigo de simila organizo, denove Valencia estis la sidejo de tiu nova **Hispana Esperanto-Federacio**, naskita en 1947. Pro praktikaj kaŭzoj, HEF poste translokiĝis al Zaragoza, Madrid, Valladolid kaj Barcelona (ĝia nuna sidejo), ne trovinte definitivan lokon.

Aro da kuraĝuloj pli malpli bone kunportis la torĉon de la esperantomovado kaj mi opinias ke tiu epoko malmulton alportis. El tiuj jaroj mi mencias nur kelkajn signifajn atingojn: la starigo de FUNDACION ESPERANTO, de la Eldona Fako, de la Biblioteko kaj la aĉeto (?) de oficejo en Madrid. Krome, pli malpli regule aperis Boletín, kaj Libroservo funkciis bone aŭ malbone, laŭ siaj prizorgantoj. Pli ol 50 lokoj dediĉis straton aŭ placon ĉu al Esperanto, ĉu al D-ro Zamenhof. En 1968 la Universala Kongreso okazis en Madrid kaj aliaj internaciaj aranĝoj diversfoje okazis en nia lando.

Dum 40 jaroj ni montriĝis ne kapablaj konstrui fortan financan organizon kaj ĝia nuna kapitalo ne estas signifa. La kongresaj kaj libroservaj profitoj kaj la kotizoj de Dumvivaj Membroj estis uzataj por kaŝi deficitojn, ĉar la membrokotizoj estas ne sufiĉaj (varbado ofte lamas kaj zorgado pri remembriĝo de malnovaj membroj estas peza tasko). FUNDACION ESPERANTO prezentas gravajn eblecojn por helpi la movadon, sed ĝi bezonas por tio kapitalon, diskonigi siajn fiskajn avantaĝojn kaj prefere enlande disdoni siajn rentojn. De jaroj lamas la Eldona Fako de HEF, dum la eldona agado enlanda estas preskaŭ ĥaosa; ĉiu eldonanto elspezas propran monon kaj poste devas klopodi disvendi la librojn; ni nepre bezonas komune organizitajn agojn. Jam de multaj jaroj ni nenion scias pri Biblioteko de HEF, kial? Eble, eĉ ni ne kapablas kolekti librojn kaj ni bezonas kontrakti kun oficiala instanco kiu aparte konservu nian bibliotekon. HEF aĉetis (?) centran oficejon en nia ĉefurbo, Madrid, kaj ni ne estas finance kapablaj subteni ĝin; malavaraj homoj ree kovras ĝiajn elspezojn, sed tio ja montras nian veran financan povon.

Nu, pro ĉio ĉi, ni bezonas solidigi la ekonomion de HEF, ni bezonas pligrandigi ĝian membronombron, ni bezonas organizi la eldonadon kaj disvendadon de libroj, ni bezonas modernigi niajn lernolibrojn, ni bezonas atentigi la eksteran mondon pri Esperanto,... Kaj HEF povas kaj devas ludi gravan rolon kiel gvida organizo kun taŭgaj medioj per modernigo de siaj labormetodoj.

**Juan AZCUENAGA VIERNA**

# NIAJ GRUPOJ



**UNIVERSIDAD DE "EXTREMADURA"**
La "Instituto de Ciencias de la Educación, Dto. de Didáctica de la Lengua y la Literatura" en la "Escuela de Magisterio" faras kurson de "Iniciación al Esperanto" gvidata de instruisto José González Rodríguez. La kurso okazas de la 19a de aprilo ĝis la 17a de majo, ĉiun mardon kaj ĵaŭdon.

**Ĝirona**
Okaze de la 75a datreveno de la fondiĝo de ĜIRONA ESPERO akazinta la 1an de decembro de 1912, la tiel nomata esperantista grupo eldonis granformatan 30-paĝan libreton kun enkonduko kaj ses interesaj ĉapitroj: Esperanto en Katalunio, Esperanto en la Ĝironaj Distriktoj, Komenco en Ĝirona (1906-1912), Ĝirona Espero (1912-1939), Malluma Etapo (1939-1982), kaj Reakiro (1982-1987). Kunlaboris la Urbestraro. Certe Esperanto prosperas en Ĝirono.




## AVILES

Kaleŝego prezentita de la esperanta grupo "Antaŭen" en la urbo Avilés dum la Paskofestoj.

Ĝi reprezentas la terglobon ĉirkaŭita de homaj siluetoj, kiuj brakumas la mondon kaj kantas "Asturland' patrujo amata". La siluetoj, same, figuras la esperantan homaron, kiu manon en mano ĉirkaŭas la mondon fratece.

En la antaŭaĵa parto du babelaj turoj kunigitaj per ĉeno malebligas la progreson kaj la konkordon de la homaro; tamen papera barketo konstruita el esperantaj revuoj havas la iluzion per sia fido rompi la ĉenojn de la internacia oponado.

## MOIA

**Agado de Esperanto-Grupo Moià dum la kurso 1987-1988**

Esperanto-Grupo Moià estis fondita en la jaro 1952. Pasintjare partoprenis 4 geinfanoj en la Esperanto-kurso, kaj nunjare ĉeestas la kurson dudek.

Kio okazis? La lernejo de Moià "Escola Pia" proponis al siaj gelernantoj fari specialajn instruojn, kiuj estas nomataj "tallers", po du horoj semajne. La infanoj povas elekti, laŭ sia plaĉo, kion ili deziras lerni dum kvar semajnoj: speleologion, fotadon, ŝak-ludon, Esperanton, ktp. Post kvar semajnoj ili povas elekti novajn temojn por studo, krom Esperanto. Estas tiom da entuziasmo por Esperanto, ke oni nur povis akcepti naŭ lernantojn, kiuj venadas al la Biblioteko por ĉeesti la kurson. Ĝis nun partoprenis la kurseton 45 geinfanoj kaj el ili dek ses plu lernas.

## VALLADOLID.– ESPERANTO EN LA RADIO

La 25an de novembro en la programo "Hodiaŭ ni parolas pri..." de R.C.E. de Valladolid, estis intervjuataj dum dek minutoj d-rino Urueña, reprezentanto de HEF en la aŭtonoma komunumo **Kastilio – Leono** kaj s-ro José González Suarez, – Prezidanto de la Grupo "Fido kaj Espero".

## VIZITO AL LA FONDINTO DE LA GRUPO

La 18an de februaro, trimembra komisiono konsistanta el f-ino **Carmen Conde**, d-rino Urueña kaj s-ro González, vizitis s-ron Mariano Cantalapiedra en lia hejmo. S-ro Cantalapiedra estas la fondinto de la Grupo "Fido kaj Espero" kaj multjara esperantista aktivulo. La vizitantoj donacis al li ekzempleron de la dua parto de "Analoj de la hispana esperanto-movado" verkita de s-ano Antonio Marco Botella, en kiu estas biografieto de s-ro Cantalapiedra kaj kronologia aktivado de la vivo de la Grupo.

---

Esperantisto deziras luigi meblitan apartamenton en la urbo Barcelono. Ĝi enhavas 4 dormoĉambrojn, manĝoĉambron, kuirejon kaj necesejon. Prezo 100.000 p-toj monate. Disponebla de junio ĝis septembro. Interesatoj kontaktu rekte kun s-ro Andreo Pérez Falcón, Lull n-ro 256, 5, 1a izda. 08005 Barcelono.














Mendebla ĉe: Libroservo de HEF. Poŝkesto 119,
47080 – Valladolid.
Prezo, 750 pesetoj